# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**




**Esperanto-Organo de Internacio Katolika [Ika] kaj de Mondjunularo Katolika [Moka]**

5a Kolekto No 7-9 | Londono — Romo | Julio-Sept. 1925


## Oficialaj Sciigoj.

**La decidoj de la Oxforda Kongreso kaj la jam depost longa tempo intencata translokigo de la Centra Oficejo de Ika al Romo, necesigis novan ordigon en la agadkampo de Ika. Ĝis kiam la ekonomiaj kaj financaj rilatoj permesos la kuncentrigon de ĉiuj niaj fortoj en Romo, la sekretariejo de la Eo.-sekcio restos en Londono.**

**La sukcesa evoluo de la laboro bezonigis pluan dividon de la laboro. Redaktora Komitato estos kreata por K. M. kaj le Ika-grupo en Elberfeld, afable sin ŝarĝis per la administraciaj laboroj de K. M. dum Sro W. Solzbacher plej oferme organizas la junulan movadon. Do notu la novajn adresojn:**

**1. Sekretariejo kaj Redakcio: K. Mayr, c/o 16 Red Lion Square, London WC 1.**

**Adresu tien ĉiuja leterojn pri la ĝenerala laboro de Eo.-sekcio, Kongresoj, Konferencoj, proponoj, kotizoj, manuskriptoj por K. M. ktp.**

**2. Administracio de K. M.: Kaplano Wachowski, Elberfeld, Feldstraße 24 (Germ.).**

**Sendu tien ĉiujn sciigojn pri novaj abonoj, adresŝanĝoj, enpagoj, propagando de K. M. ktp.**

**3. Ekspedicio de K. M.: Fino Cyrilla Kutta, Wien, I., Judenplatz 2/II/1.**

**4. Junula sekcio (Moka): Sro W. Solzbacher, Honeff a. Rh., Spiesgasse 1 (Germ.). Kunredoktoro de K. M. Adresu ĉi tien ĉion pri junula movado kaj junula angulo. Ankaŭ aliajn manuskriptojn por K. M.**

**Propagando: Por plej efika propagando la sekretariejo eldonos regulajn sciigojn al la naciaj direktoroj, delegitoj kaj kunlaborantoj. Sendu adresojn de interesemuloj.**

**Financoj: La financa fundamento de nia movado estas la unua kondiĉo de la sukceso. Enpagojn akceptas ĉiuj superaj adresoj; krom tio atentu niajn poŝtkontojn.**

**Kiel ĝis nun la naciaj direktoroj kaj delegitoj perados volonte la korespondadon kaj monenpagon.**

---

## Antaŭen al nova glora evoluiĝo!

Karaj gefratoj! Post tro longa silentado mi povas denove paroli al vi! Kaj mia unua vorto estas: pardonu! Pardonu, mi petas vin kore, la prokrastitan eliron de tiu ĉi numero. Multe da urĝegaj laboroj kaj multe da personaj aferoj malhelpis min, dediĉi mian forton, kiel mi devus kaj kiel mi brule deziras, al la evoluo de nia kara Eo.-familio tutmonda! Tamen, karaj fratoj! K. M. ne estas morta! Ĝi nur dormis! Sed ĉi tiu dormo estos certe komenco de nova glora reviviĝo!

Nia nunjara Kongreso en Oxford estas sukcesege pasinta. Post 5 jaroj da oferplena preparo, la pordoj malfermiĝis al longe dezirata unueca kunagado de ĉiuj internaciaj fortoj katolikaj. Tute reservante sian memstarecon, Ika decidis kunhelpi per siaj fortoj kaj spertoj al la realigo de la granda programo, kiun la Oxfordaj „unuiĝaj konferencoj" starigis kiel idealon de estonta unueca agado sur la internacia kampo.

### Sidejo en Romo.

Kiel unua paŝo al tiu ĉi celo la prezidantaro de Ika decidis, unuigi sian centran oficejon kun la internacia oficejo en Romo, plej meritplene direktata de dro Monti, famkonata pioniro de la internacia katolika agado. Estos Msro dro Nik. Pfeiffer, nia kara amiko, kiu kiel afergvidanta prezidanto de Ika, organizos en Romo la laboron kune kun dro Monti. Ni havas la plenan certecon, ke tiuj du plej spertaj ĉefoj direktos la internacian agadon al la fina glora sukceso.

### Nia granda misio.

Karaj amikoj! Kiel ajn tamen estos la plua estonteco de la internacia movado, unu fakto estas certa: **Nia granda rondo tutmonda de viroj kaj virinoj, de junuloj kaj junulinoj ni restos por ĉiam kaj ĉie la unueca familio de fratoj kaj fratinoj.** En niaj koroj batas unu sama sopiro: ami kaj amigi la tutan mondon; en niaj animoj brulas unu sama flamo: la paco por malfeliĉa senpaca homaro; en niaj preĝoj sonas unu sama urĝa petkrio: Patro nia alvenu via glora elĉiela regno! el niaj lipoj fluas unu dolĉa entuziasmiga lingvo: **Esperanto, la ĉarma sonorilo de la granda universa estonteco katolika.** Kiu el ni ne volas sin oferi al tiaj sanktaj idealoj? Kiu ne volas labori preĝi, agadi, verki, skribi, dumtage kaj dumnokte, por ke niaj altaj elĉialaj idealoj realiĝu?

### Junuloj antaŭen!

Feliĉegaj ni estas precipe, ke nia junulaj grupoj tiom sukcese evoluiĝas! Junulaj fratoj! Ni „maljunuloj" ne bezonas vin alvoki! Ni vidis la fajron en viaj okuloj! Ni aŭdis la vortojn de heroa sinofero! Nia tuta espero, nia tuta konsolo estas vi! En ĉiu instituto, en ĉiu seminario, en ĉiu lernejo, en ĉiu junula rondo, en ĉiu organizo devas esti kreata junula grupo de Ika! Marŝu junaj pioniroj! Marŝu!

### Praktikaj taskoj!

Sed ni malsupreniru al la reala tero! Se ni volas triumfi, ni bezonas armeon de oficiroj kaj soldatoj. Ni bezonas heroldon tutmondan plej sonofortan! Do ni decidis por la sekvonta jaro:

**1. Reorganizi la tutan movadon plej simple kaj plej efike.**

**2. Eldoni laŭeble dusemajne nian gazeton dum la venonta jaro.**

---

## Letero de la negro Lukanga Mukara el Eŭropo al la reĝo Ruoma de Kitava en Afriko.

De Hans Paasche, trad. Wilh. Solzbacher.

(Fino.)

Tio do estas la kaŭzo, kial la Vasungu uzas vagonojn, konstruas vojojn el fertraboj kaj senĉese veturas.

La Vasungu ankaŭ havas jenan frenezaĵon. Se vi demandas en Kitava: Kiu estas tie?, oni respondas: Muntu, homo! Sed la Vasungu diferencigas la homojn laŭ tio, kion ili faras. Ili volas, ke ĉiu homo faru nur unu solan frenezaĵon, por ke ekzistu klasodiferencoj kaj por ke ili povu pli kalkuli. La nombrohomo gvidis min en domon, kie multaj viroj akrigis tranĉilojn. Ili aspektis tre palaj. Mi demandis, kie estas la agro de tiuj homoj. Oni respondis, ke ili neniam faras ion alian ol akrigi tranĉilojn; nur tial oni povas certe diri, ke homoj, kiuj ĉiutage akrigas tranĉilojn, jam mortas, kiam ili estas tridekjaraj. Kaj lia okulo lumis pro ĝojo, kiam li diris tion. Pro teruro pri tia frenezaĵo mi skuis la kapon, sed la nombrohomo diris, ke mi ne rajtas dubi, ke tio estas science ekzakte elkalkulita kaj ke oni esperas ricevi eĉ pli ekzaktajn nombrojn. Kiam mi demandis, kion utilas tiaj nombroj, li rakontis al mi frenezaĵon, kiun neniu homo kredos. Mukama, mi volas klarigi ĝin al vi. Aŭskultu: Ili pagas ĉiujare sumon da mono, kiun homoj, kiuj tiucele loĝas en speciala domo, kolektas kaj notas kaj post la morto pagas al la parencoj. Ili opinias, ke per tio ili estas pli feliĉaj. Do tranĉilakrigisto pagas alian sumon ol terkulturisto, ĉar la nombrohomoj scias, ke la vivodaŭroj estas malsamaj. Por ke tiu kalkulo estu ekzakta, ĉiu devas daŭre havi la saman laboron kaj neniam rajtas fari ion alian. Pro tiu frenezaĵo denove oni devas konstrui domojn kaj skribi leterojn, kaj vagonoj veturas tien kaj ĉi tien. Ĉu vi komprenas?

Nun vi scias, kion do tiuj Vasungu faras kaj kial ili ĉiam faras ion. Mi diras al vi: Ili ĉiam estas moviĝantaj, por ĝeni la trankvilon unu al la alia, por zorgi, ke ĉiuj homoj senĉese estu devigataj rapide kuri kaj ne havu tempon por pensi. Sed ili klopodas, en la maltrankvilon enigi ordon, pri kiu ili estas tre fieraj. Ili do forgesas, ke ili mem faris la maltrankvilon, kiu tute ne estis necesa, kaj parolas pri ordo.

Ne, karulo, vi ne povas kompreni. Vi pensos pri Kitava. Kial ordo? La montoj estas altaj, kaj en la valoj fluas la riveretoj. Kiam la akvo troaltiĝas, oni atendas, ĝis kiam ĝi disfluas. „Amri ja Mungu." „Estas ordono de Dio!" mallaŭte diras la migranto kaj humile obeas. Sed la ordo estas kontraŭ la leĝo de Dio, kaj Lia puno ne mankos. Poste mi parolos pri la puno. Tiu puno estas justa; ĉar estas senutilaj aferoj kaj memvolita malordo, en kiun senutilaj homoj enigas ordon.

Mi loĝas ĉe viro, kiu estas kondukisto de vagono, kiu veturas sur fertraboj. Mi akompanis lin, kaj li diris al mi, kion faras la diversaj Vasungu veturantaj en la vagono. Unu homo kunveturis, kiu konstruas ferpartojn por la vagonoj. Apude staris viro kun glavo kaj metala pinto sur la kapo. Li devas atenti, ke la vagonoj sur la strato ne mortigu ian Sungu, kaj noti, kiam iu estas mortigita. Poste venis alia homo kun glavo kaj pinto sur la kapo. Lia tasko estas atenti, ke la alia lin rigardu, kunigu la piedojn kaj alkorpigu la brakojn, kio estas saluto. Apude sidis virino kun ruĝa kruco sur la brako. Ŝi bandaĝas la homojn, trans kiujn veturis la vagono. Jen staris viro, kiu kaptas la hundojn, kiuj ne havas moneron ĉe la kolo. Apud li sidis viro, kiu en domo fabrikigas fumorulojn. Kaj alia, kiu vendas pilolojn kontraŭ la malsano estiĝanta per fummanĝado. Kaj nombrohomo, kiu notas, kiuj homoj pagis monon por la kazo, ke ili per vagono estas mortigataj. Kaj alia, kiu vendas la karbojn, per kiuj la vagonoj estas movataj, kaj alia, kiu faras la librojn, en kiuj estas skribite, kiam veturas la vagonoj. Ĉiu portas tempomontrilon sur la ventro kaj rigardas ĝin, kiam la vagono haltas kaj kiam ĝi pluveturas. Tie ankaŭ sidis viro kun vitropecetoj antaŭ la okuloj. Lia laboro estis paroladi, kia estis la tempo iam kaj kia ĝi estas nun. Li diris al mi, ke tiu ordigita trafiko estas pruvo de la alta kulturo de la Vasungu. Jam ekzistis tempo, kiam ankoraŭ ne fertraboj kuŝis sur la vojoj. Tiam ĉiu diris, ke ne estas necese, ke ĉi tie veturas vagonoj, kaj neniu volis veturi per ili, sed nun oni vidas, kiel grandege pligrandiĝis la trafiko per la konstruado de vagonoj.

# La kongreso de Oxford.

Oxford, la mondkonata universitata urbo, unu el la centroj de la angla ŝtata eklezio, en ĉiu tiu jaro estis katolika kongresurbo. El ĉiuj kvin kontinentoj venis katolikoj, por ĉeesti nian kvinan kongreson, kiu en sia ekstera formo signifas grandegan paŝon antaŭen, kaj kiu estas nepre nova mejloŝtono en la vojo al la unuigita kunlaborado de la katolikoj ĉiulandaj en la praktikaj fakoj ĉiuspecaj.

La nunjaran kongreson de IKA speciale karakterizas la ĉeesto de multaj gravaj reprezentantoj el ekstereŭropaj landoj, ekz. Usono, Kanado, Meksikujo, Ĉilio, Aŭstralio, Egipto, Hindujo kaj Ĥinujo. La grava modele laboranta centra organizaĵo de la katolikoj de Usono la National Catholic Welfare Conference, sendis kvar oficialajn delegitojn.

Alia grava faktoro estis la episkopoj kiuj en ĉi tiu jaro montris grandegan intereson por nia kongreso. Lia Kardinala Moŝto Francis Bourne, ĉefepiskopo de London-Westminster, ne nur akceptis la patronecon, sed eĉ mem ĉeestis la solenan malfermon kaj la unuan solenan dievervon. Plue ĉeestis kelkajn kongreskunvenojn la ĉefepiskopo de Ernaculam en Hindujo, la sola indiĝena episkopo en tiu lando, la ĉefepiskopo de Liverpool kaj la episkopoj de Pella kaj Portsmouth. Kelkaj aliaj anglaj episkopoj, inter ili la kompetenta diecesa ĉefepiskopo M-ro Mac Intyre de Birmingham, kiu bonvolis akcepti la honorprezidon de la kongreso, bedaŭrinde pro malsaneco aŭ aliaj gravaj kaŭzoj estis malhelpataj veni, sed sendis tutkorajn salutojn kaj bondezirojn.

Multaj gravegaj katolikaj organizaĵoj ĉiulandaj en ĉi tiu jaro je la unua fojo sendis oficialajn delegitojn. Multaj mondkonataj gvidantoj de la katolika agado estis inter ni en Oxford. Ni nomas nur kelkajn el la plej gravaj: abato (abbas) Cabrol O. S. B., Anglujo; kanoniko Mgr. Pfeiffer kaj kanoniko Mgr. Hanusz, Ĉeĥoslovakujo; R. P. D-ro Mack, Luksemburgo; R. P. D-ro Monti, direktoro de la internacia oficejo de katolikaj organizaĵoj, Romo; M. Cronin, R. P. D-ro Coffey, prof. O'Sullivan, F. T. Sweney, Irlando; R. P. prof. J. Ryan, R. P. Browne, f-ino Hackett, d-ro Lapp, U. S. A.; abato Verpoorten, prof. Müller, ĉefsekr. Serravens, Belgujo; R. P. Aidan Elrington O. P., J. Keating S. J., C. C. Martindale S. J., L. O'Hea S. J., A. Day S. J., Dom Justin McCann S. B., F. Kernan, Viscount Campden, Edward Eyre K. C. S. G., W. P. Mara K. S. G., H. C. Norman C. B., John Eppstein, F. W. Sherwood, Mrs. Crawford, Mrs. Hewitt, Miss Balfe, Miss Streeter, Anglujo; R. P. Schröteler S. J., Carl Winkel, J. N. Mollenhauer, prof. Ebers, R. P. Wachowski, S-ro Ruster, Germanujo; ĉefsekr. Kaspar Mayr, Zug. univ. prof. Gonzague de Reynold, Bern, D-ro Doka, Zürich, Svisujo; grafino Walterskirchen, P. Wisinto O. S. B., Aŭstrujo; J. H. Kennedy, Aŭstralio; R. P. Menchaca Lira, Concepción, Ĉilio; S-ro Kyan, Egiptujo; Miss Christitch, Jugoslavujo; A. Yong, Ĥinujo.

Speciale rimarkinde estas, ke la plej multaj kongresanoj estis oficialaj delegitoj de grandaj katolikaj organizaĵoj. Estas malfacile doni la nombron de la kongresanoj. Ĉar samtempe okazis en Oxford la Somerlernejo de la angla „Catholic Social Guild". Kelkaj kongreskunsidoj estis samtempe oficialaj prelegoj de tiu Someruniversitato. Ankaŭ la membrokartoj de la kongreso rajtigis partopreni ĉiujn aranĝojn de „Catholic Social Guild", kaj la partoprenantoj de la Someruniversitato estis ĉiam invitataj al ĉiuj kongresaranĝoj. Do estis kelkfoje malfacile diferencigi kongresaranĝojn kaj aranĝojn de la somerkursoj. El eksterangaj landoj ĉeestis eble 120 kongresanoj, el Anglujo, Irlando kaj Skotujo 80—200 (vidu supre!).

### La solena malfermo.

Je la posttagmezo de la lundo, 11 aŭgusto, okazis en la Preĝejo de Sankta Aloysius, kiu estas administrata de la jesuitoj, solena malferma beno. Ĝin donis M-ro Kandathil Panjikara, ĉefepiskopo de Ernaculam (Hindujo). Estis vere solena momento, kiam ni kongresanoj venintaj el ĉiuj kvin kontinentoj kune surgenuis kaj preĝis al Dio, beni nian komunan laboron, kaj kiam antaŭ la altaro tiu episkopo el la malproksima Hindujo parolis la benovortojn.

Je la vespero okazis la solena malfermo en la granda ĉefsalono de Wadham College. Lia Kardinala Moŝto Francis Bourne, ĉefepiskopo de Westminster, prezidis. La tuta ĉambrego estis plena de homoj, kaj la plej multaj ne plu sukcesis havi sidlokon. Komence la mondkonata jesuito R. P. Martindale S. J. salutis la kunvenon en la nomo de la Angla Katolika Komitato por Internaciaj Rilatoj (Catholic Council for International Relations), pri kies agado ni jam kelkfoje raportis en KM. Post li Kardinalo Bourne prenis la parolon kaj alportis al la kongreso la sincerajn salutojn de la katolikoj de Anglujo kaj Wales kaj precipe de la angla hierarkio. Li speciale ĝojis partopreni la malfermon de ĉi tiu internacia kongreso. Internaciaj konferencoj nun estas aktualaj; kaj kia ajn estu ilia karaktero, ili meritas nian tutkoran bonvenon. Ĉar per la internacia interkompreniĝo, kiun ili iniciatas, ili estas la plej potenca ilo por rekonstrui la unuecon de la civilizacio, kiu tiom terure ŝanceliĝis en la Granda Milito. Homoj kunvenas el ĉiuj landoj de la mondo, por diskuti gravajn problemojn, kaj ne ekzistas pli bona ilo por forigi antaŭjuĝojn kaj por krei reciprokan estimon kaj konfidon, ol persona diskutado en internacia konferenco vizitata de homoj el ĉiuj landoj. Kaj precipe nia kongreso povas havi potencan influon multe pli grandan ol aliaj similaj konferencoj, ĉar malgraŭ ĉiuj diferencoj de nacio aŭ historio aŭ politika direkto ni havas grandan kaj grandiozan unuecon: ni havas unu saman religian kredon, fortan komunan bazon. Niaj unuaj principoj estas egalaj. Ja povas ekzisti malsamaj opinioj pri la praktika aplikado, kaj tial oni estu singardema kaj pensu pri la antikva latina proverbo „Festina lente!" Sed Lia Kardinala Moŝto ankoraŭ povis alporti al ni speciale ĝojigan informon: En Majo li estis en Romo kaj havis okazon klarigis sufiĉe detale en speciala aŭdienco al la Sankta Patro la celon kaj la programon de la kongreso, kaj poste Lia Papa Moŝto sendis per Kardinalo Gasparri koran salutleteron kun la apostola beno. Al tiuj plej grandaj bondeziroj, kiujn ni povas ricevi, Lia Kardinala Moŝto aldonis siajn proprajn. Eble la laboroj de la kongreso ne havas grandan direktan rezulton, sed ĝi certe havos grandegan signifon por krei tiun reciprokan interkompreniĝon kaj tiun universalan pacon, kiun ĉiu kristano devas deziri.

Kiam la tondra aplaŭdo fine estis ĉesinta, salutis reprezentantoj de altrangaj ekleziuloj kaj de grandaj internaciaj kaj naciaj organizaĵoj, ekz. Prof. D-ro Gonzague de Reynold, Bern, nome de la Union Catholique d'Etudes Internationales; D-ro Monti, direktoro de la Internacia Oficejo de Katolikaj Organizaĵoj en Romo; Comm. Georges de Noaillat, prezidanto de IKA, Francujo; M-ro Madarász, delegito de Kardinalo Czernoch el Budapest; M-ro Scrulecs, delegito de la ĉefepiskopo de Riga, Latvio; M-ro D-ro Hanusz, delegito de la Katolika Komitato de Ĉeĥoslovakujo ktp. Poste salutis oficialaj delegitoj de la urbadministracio Oxford kaj de la universitato.

Alvenis salutleteroj de multaj episkopoj, ekz. de Birmingham, Liverpool, Cardiff ktp.

Mardon matene okazis solena episkopa meso celebrata de la episkopo de Pella antaŭ Lia Kardinala Moŝto. P. Martindale S. J. faris belegan predikon, parolante pri la kristana amo, kiun ni devas apliki en ĉiuj rilatoj de nia vivo, kaj kiu devas krei la „pacon de Kristo en la regno de Kristo."

Poste okazis IKA-kunsido kun elekto de la prezidantaro de la kongreso kaj de la fakaj konferencoj.

### La ĉefaj konferencoj.

La temo de la nunjara kongreso estis: La demando de raso kaj nacio laŭ la kristana doktrino. Ok mondkonataj teologoj aŭ juristoj el ok diversaj landoj prelegis pri la ĉefaj punktoj koncernantaj tiun temon. Entute la ĉefa konferenco sesfoje kunvenis en la granda ĉefsalono de Wadham College.

Ne estas eble ĉi tie detale raporti pri la granda nombro da ideoj kaj iniciatoj, sed hodiaŭ ni nur povas mallonge resumi la ĉefajn pensojn de la referatoj. Eble ni publikigos pli poste kelkajn raportojn en pli detala amplekso.

1. D-ro James Ryan, profesoro de filozofio ĉe la katolika universitato de Washington, unu el la ĉefaj gvidantoj de la National Catholic Welfare Conference, prelegis pri „Kio estas nacieco?" Li diris, ke neniu speco de naciismo, kiu kontraŭas la doktrinon de kristanismo, povas esti akceptata. La bazo de ĉiu vera naciismo devas esti la konscio pri la unueco kaj solidareco de la homa raso kaj la reciproka dependeco de ĉiuj homoj. Ĉiu homo devas ami sian patrujon, sed tiu naciismo ne estas senlima, sed devas ĉiam esti submetata al la leĝo de la justeco. Ĉar la ŝtato same kiel la individuo devas observi tiujn grandajn fundamentajn leĝojn de la justeco kaj devas respekti la rajtojn de aliaj ŝtatoj. Same kiel la ŝtato konsistas el familioj, kiuj ĝis certa grado havas liberecon kaj sendependecon, ankaŭ la ŝtato estas parto de pli granda unuo. Do la naciismo estas kristana, kiam ĝi submetas sin al la justeco; ĝi havas

---

Antaŭen al nova glora evoluiĝo!

(Daŭrigo.)

Pri tiu ĉi urĝaj taskoj ni detale traktos en la du sekvontaj numeroj!

**3. Jam nun urĝa estas ke ĉiu leganto ekzamenu sin, ĉu li jam pagis sian modestan kotizon kaj abonon por tiu ĉi jaro. Se ne, li ne plu bezitu!**

Le sekretariejo de le Eo-sekcio de Ika, kiu funkcios en Londono, ĝis kiam en Romo la financaj kaj ekonomiaj rilatoj estos ordigataj, reekprenis jam sian viglan agadon. Ni havas la konvinkon, ke ĉiuj amikoj ne nur restos fidelaj, sed duobligos sian agadon por la gloro de Dio, por la triumfo de la Dia Regno, por la fina venko de nia sankta afero.

K. Mayr
c/o 16 Red Lion Square
London WC 1.

---

Sed mi eksciis, ke ĉiuj tiuj frenezuloj nur ĉiam estas survoje, ne por vivi kaj labori ion bonan, sed nur, por ke la vagonoj povu veturi aŭ por ke estu riparataj la malutiloj estiĝantaj per la veturado. Se ĉiuj tiuj frenezuloj restus sur siaj agroj kaj ĉe siaj infanoj, ne veturus vagonoj sur fertraboj, kaj se ne veturus vagonoj, ili ĉiuj povus havi agron kaj esti feliĉaj.

Do gardu, Kigeri, vian belan landon kontraŭ la ordo de la Vasungu, kontraŭ la vagonoj kaj fertraboj, kaj malpermesu, ke tempomontriloj estu portataj en la landon, per kies aspekto la homoj estis logataj al frenezaĵoj. Homoj ne bezonas tempomontrilojn. Kiam la tago komenciĝas, la kokviro kantas. La tago estas hela, la nokto malhela. Matene leviĝas la suno, tagmeze ĝi leviĝis plej alten kaj vespere ĝi malleviĝas. Sed la fino de la vivo estas la morto. Nur tion homo bezonas scii. Sed kie veturas vagonoj, tie oni bezonas tempomontrilojn kaj homojn, kiuj fabrikas kaj riparas tiujn montrilojn, kaj tiamaniere estiĝas ĉiu alia freneza, tute senutila laboro, per kiu ĉiuj homoj fariĝas malsanaj kaj senĝojaj. Mi opinias, ke tiuj tempofrenezuloj ĉiuj nur rapidas, por ke la vagonoj veturu, kaj ke ili veturas, por rapidi kaj malhelpi unu la alian.

Mi skribis pri aferoj, kiujn la saĝuloj de Kitava ne sciu, se ili volas resti homoj.

Vin salutas via fidela. Lukanga.

# Junula Angulo.

**Konstanta rubriko por Mondjunularo Katolika (MOKA, IKA-junularo).**

Redaktata de Wilh. Solzbacher, Honnef a. Rh., Germ., Spiesgasse 1.

(Ĉiujn artikolojn kaj notojn oni sendu nur al ĉi tiu adreso.)

## La kvina internacia konferenco de MOKA.

En Oxford ĝi okazis la 12an de aŭgusto. Ĉu ĝi sukcesis? Jes, ĉar ni gajnis novajn kunlaborantojn el diversaj landoj, eĉ el Usono kaj Ĥinujo, kaj ni nun havas rilatojn al multaj katolikaj rondoj en Anglujo, tiel ke ni povas esperi, ke baldaŭ povos fondiĝi laborema angla komitato de MOKA.

De niaj malnovaj kunlaborantoj bedaŭrinde nur tre malmultaj povis veni. Tamen la junula kunveno estis tre bone vizitata, ĉar oni invitis ĉiujn gejunulojn ĉeestantajn la kongreson kaj ankaŭ la junulojn de la Catholic Social Guild, kiu samtempe en Oxford havis siajn somerkursojn. La kunveno okazis en la granda ĉefsalono de Wadham College. Ĉeestis kongresanoj el Anglujo, Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanujo, Hungarujo, Ĥinujo, Jugoslavujo, Skotujo kaj Usono. Prezidis la vicĉefsekretario de MOKA Wilh. Solzbacher. Li salutis la kunvenon en Esperanto kaj povis transdoni la specialajn salutojn de la Internacia Asocio de Katolikaj Junmetiistaj Unuiĝoj (Verband kath. Gesellenvereine), kies ĉefprezidanto pastro Hürth el Köln estis petinta lin, oficiale saluti la kongreson. Ankaŭ kelkaj delegitoj de MOKA sendis salutleterojn, ekzemple nome de niaj aŭstraj kunlaborantoj nia Viena amiko Walter Mudrak. La programo de la MOKA-konferenco estis jena:

1. Henry John, studento el Stonyhurst (Anglujo), parolis pri la Catholic Evidence Guild, kiun oni povus nomi apostolado de la junularo por la konvertado de Anglujo. Li mem estas unu el la plej aktivaj pioniroj de tiu admirinda agado en la lernejoj de Anglujo. Resumon de la interesa kaj entuziasma paroladо de nia nova angla kunlaboranto ni eble publikigos en unu el la venontaj numeroj.

2. Wilh. Solzbacher parolis pri katolika junularo kaj paca movado kaj donis raporton pri la agado de MOKA, ĝiaj delegitoj, praktikaj institucioj, organo, Esperanto-propagando ktp.

3. D-ro Hinsenkamp el Essen (Germ.) parolis pri katolika junularo kaj Esperanto kaj montris per elokventaj vortoj, kiom grandega baro por internacia kunlaborado estas la malsameco de la lingvoj, kaj ke estas speciale la tasko de la progresema kaj ideale pensanta katolika junularo, venki tiun malfacilaĵon per lernado, uzado kaj propagando de Esperanto.

4. Okazis vigla diskutado.

Rimarkinde estas, ke ĉiuj paroladoj kaj ankaŭ la diskutado okazis resp. estas tradukitaj en tri lingvoj: Esperanto, angla kaj germana. Dek novaj delegitoj el kvin landoj aliĝis. Oni disdonis specimenojn de KM kaj gajnis novajn abonantojn.

Krom tiu oficiala kunveno okazis personaj elparoladoj inter la gejunuloj diverslandaj. Pri la MOKA-konferenco multaj gazetoj raportis.

Nia nunjara konferenco en la bela urbo Oxford estis jubileo: Depost kvin jaroj nun ekzistas nia movado. Ĉu ni atingis ion en tiuj kvin jaroj? Mi opinias, ke ni povas jesi tiun demandon. Ni havis sukcesojn, modestajn sukcesojn, sed mi havas la fortan konvinkon, ke nia laborado ne estis senfrukta kaj ke ankaŭ ni alportis brikon, por konstrui la templon de la nova tempo, en kiu regos amo kaj paco kaj la regno de Dio. W. S.

## El la tutmonda junularo katolika.

La katolika junularo de la mondo antaŭ la Sankta Patro.

Okaze de la Sankta Jaro 1925 oni aranĝas la IVan Internacian Katolikan Junulkongreson en Romo. Ĉeestos junuloj resp. gvidantoj de la katolika junularo el Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Germanujo, Ĥinujo, Italujo, Japanujo, Hispanujo, Nederlando, Usono. En septembro ili kunvenos en Romo kaj aranĝos grandajn manifestaciojn. Oni preparas, grandiozan komunan kunvenon kun solena sindonado al Papo kaj Eklezio. Je noktmezo okazos en la Katedralo de Sankto Petro meso de la papo kun sankta komunio de la junuloj ĉiulandaj. Tria granda aranĝo estos amasa aŭdienco de la junularo ĉe la Sankta Patro, kiu jam antaŭe esprimis sian grandan ĝojon, povi saluti en Romo la katolikan junularon tutmondan. La kongreso estas preparata per la Centra Oficejo de „Juventus Catholica" en Romo kaj per ekzekutiva komitato konsistanta el reprezentantoj de la grandaj asocioj de la katolika junularo de Aŭstrujo, Belgujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Nederlando kaj Hispanujo. Tiu komitato kunvenis 24—26 aprilo en Louvain aŭ Löwen (Belgujo), por aranĝi la programon. El granda nombro da landoj venos specialaj pilgrimkaravanoj de junuloj kaj junviroj al Romo.

Kiel ni aŭdas, okazos en 1926 la V-a Internacia Katolika Junulkongreso ankaŭ en Romo, kaj tiam oni diskutos la gravajn naciajn kaj internaciajn problemojn de la katolika junularo, dum en ĉi tiu jaro ĉio estos ĉefe demonstracio.

Pax Romana, internacia asocio de katolikaj studentaj organizaĵoj, havas en nia jaro sian V-an internacian kongreson en Bologna (Italujo) komence de septembro.

Internacia Asocio de Katolikaj Junmetiistaj Unuiĝoj. (Verband katholischer Gesellenvereine.) En Würzburg (Sudgermanujo) okazis la 18a ĝenerala kunveno komence de julio. Ĝi havas specialan signifon, ĉar nun je la unua fojo partoprenis la junuloj mem krom la pastraj gvidantoj. La asocio ricevis novajn statutojn adaptitajn al la bezonoj de la moderna tempo. Gvidis la nova pastra ĉefgvidanto (Generalpräses) Hürth. Ĉefsekretario Nattermann raportis pri la progresoj de la asocio dum la lastaj kvar jaroj. 1921 ekzistis 63.000 membroj entute, 51.856 en Germanujo. Nun la asocio havas 76.572 anojn en Germanujo, 94.000 entute, plie 130.000 neaktivajn membrojn en Germanujo. Eldonnombro de la organo Kolpingsblatt 1921 estis 57.000, nun 85.000. Profesoro D-ro Brauer el Karlsruhe faris la ĉefparoladon pri la du gravaj problemoj okupantaj la nunan junularon: la religia kaj la sociala problemoj, kaj ilia solvo per la spirito de la granda sociala apostolo Adolf Kolping. Pastra ĉefgvidanto Hürth paroladis pri la aktualaj taskoj de la junmetiistaj unuiĝoj. Jen la plej gravaj: 1. Profunda kono pri la propra afero kaj konscia varbado por ĝi. 2. Sinokupado pri la grandaj spiritaj eraroj de nia epoko. 3. Helpo por niaj membroj en la mizeraj ekonomiaj statoj de nia tempo. 4. Edukado de niaj membroj al bonaj ŝtatanoj. 5. Rekonstruado kaj novkonstruado de metiistaj domoj. Novan kuraĝon kaj novan entuziasmon donis la kunveno al ĉiuj, kiuj laboras por la alta idealo de la patro Kolping. W. S.

## El la MOKA-movado.

Hodiaŭ ni povas raporti al vi pri multaj ĝojigaj progresoj kaj sukcesoj de nia movado en kelkaj landoj. Multaj delegitoj sendis interesajn raportajn por publikigo en KM, sed bedaŭrinde mankas spaco, kaj tial ni nur mallonge resumas.

**Anglujo.** Katolikaj gazetoj raportis pri nia Junula Konferenco en Oxford. Sur nia delegito-listo nun estas 7 anglaj kunlaborantoj, i. a. en London kaj Oxford.

**Aŭstrujo.** En Salzburg laboras nova fervora delegito Eduard Macheiner kaj klopodas fondi MOKA-grupon. Li bone sukcesis oficialan kursgvidantan ekzamenon kaj nun gvidas Esperanto-kurson en Seetal. En Wien nia ĉefdelegito Walter Mudrak sukcese finis Esperanto-kurson. Okazis bela fina festo en „Calasantinum", kiun ĉeestis multaj eminentaj personoj kaj pastroj.

**Brazilio.** En Bello Horizonte ni gajnis fervoran kunlaboranton Joao Vianna, kiu sendis multe da materialo pri la tiea katolika junulmovado.

**British West Indies.** Nova juna kunlaboranto Laurence Gonsalves en St. Vincent-Insulo.

**Francujo.** 2—10 aŭgusto okazis internacia junula tendaro en la valo de Chevreux. Detalan raporton vi legos en sekvonta numero. Ĉeestis multaj katolikoj. El la IKA-junularo portoprenis Christa Spruch el Heidelberg kaj Wilhelm Solzbacher el Honnef. Kun bonega sukceso oni propagandis por Esperanto. Wilh. Solzbacher faris paroladon pri MOKA kaj paca movado en la katolika junularo, kaj lia Esperanto-propagando precipe tial estis efika, ĉar li estis oficiala tradukisto por la diversaj naciaj lingvoj kaj tial „fakulo". En Paris okazis komence de septembro la Internacia Porpaca Kongreso, kiun ĉeestis nia germana sekretario Heinz Kolvenbach. Li bone propagandis por MOKA.

**Germanujo.** La nacia komitato havis du kunsidojn: la 9 majo en Honnef kaj la 25 julio en Köln. Oni preparis intensan propagandon. Ni havas nun du germanlingvajn bultenojn: „IKA-Stimmen" por nia Esperanto-propaganda kaj „Vom frohen Leben" por nia vivreformą kaj porpaca laboro. Ambaŭ raportas ĉiumonate pri nia agado. Germanlingvaj MOKA-anoj abonu kaj disvastigu ilin! MOKA-kotizo por tuta jaro en Germanujo nun estas 3 markoj por izola membro, 6 markoj por grupo inkluzive „IKA-Stimmen". Kiu ne povas pagi tiom, skribu al la landa sekretario Heinz Kolvenbach, Düsseldorf, Stoffeln 23. Intensa agado nun funkcias en multaj urboj. Publikaj paroladoj pri Moka kaj Esperanto okazis i. a. en Düsseldorf (Kolvenbach), Honnef (Solzbacher), en Königstein, Cronberg kaj Falkenstein (de nia kunlaboranto D-ro Roth). Esperanto-kursojn komencis en Düsseldorf Heinz Kolvenbach. Ĉirkaŭ 40 gejunuloj portoprenas. En Frankfurt a. M. Fritz Graser gvidas kurson por la katolika junulmovado „Jungborn". En Niederreifenberg komenciĝos baldaŭ kurso de D-ro Roth por katolikaj gejunuloj, same en Honnef de Wilh. Solzbacher. La katolika gazetaro nun ofte raportas pri MOKA kaj Esperanto. Per iniciato de MOKA aperis en la lasta jaro pli ol 60 artikoloj en katolikaj junulgazetoj kaj ĵurnaloj, ankaŭ en la plej grandaj („Germania", „Kölnische Volkszeitung", „Rhein-Mainische Volkszeitung" ktp.). Ĉe la kongresoj de Windthorstbund (katolika politika junulmovado) kaj de „Friedensbund deutscher Katholiken" (Porpaca Ligo de Germanaj Katolikoj) partoprenis kelkaj MOKA-anoj. Propagandis landa sekretario Kolvenbach.

Grandegan sukceson ni atingis en Düsseldorf. La porpaca movado en la katolika junularo, kiun ĝis nun nur portis nia vigla MOKA-grupo, estas starigita sur pli larĝan bazon. La 13 julio formiĝis sub gvido de MOKA kartelo, kiu enhavas la plej aktivajn gvidantojn el 18 katolikaj junulligoj. La ĉefparoladon faris Georg Wagner, unu el la plej konataj gvidantoj de la katolika junulmovado.

**Luksemburgo.** En la urbo Luksemburgo okazis meze de septembro la Va Internacia Demokrata Porpaca Kongreso kun speciala junulkunveno. MOKA estis oficiale reprezentata per Heinz Kolvenbach.

**Maroko (Nordafriko).** En Amizmiz laboras juna katolika samideano Pierre Carriere, kiu havas konstantajn rilatojn al MOKA. Estante preskaŭ la sola katoliko tie, li komencis Esperanto-kurson por mahometanoj. Sed ĝi ne bone sukcesis, ĉar li ankoraŭ ne scias sufiĉe araban lingvon, kaj pro la natura mallaboremeco de la servantoj de Allah. Amiko Carriere baldaŭ elmigros al Alĝerio aŭ Madagaskaro kaj promesis, tie labori por MOKA.

**Nederlando.** En Svesterberg okazis 26—31 aŭgusto internacia junula porpaca konferenco aranĝita de la komitato „Pacbatalo de la Junularo". Bedaŭrinde neniu MOKA-ano ĉeestis, sed ni sendis belan salutleteron, kompreneble en Esperanto.

**Svisujo.** Ĉefsekretario Hanns Sappl estis por kelka tempo en la lando, vizitis junulunuiĝojn kaj propagandis por MOKA.

Ni ja scias, ke niaj delegitoj en aliaj landoj ankaŭ laboras, sed mankas raportoj. Al ili ni nun direktas lastan alvokon, ke ili iom lasu sian cetere tre ŝatindan modestecon kaj sendu raportojn, por ke ni havu klaran komprenon pri la efektiva ŝtato de nia movado. Kaj al tiuj, kiuj ankoraŭ nun dormas kaj kies sola merito estas tiu, ke iliaj respektindaj nomoj ornamas nian delegitoliston, ni sendas lastan alvokon, ke ili vekiĝu. Kiu ĝis la fino de la jaro ne iel montros, ke li laboras aŭ volas labori, estos forstrekata. Ĉar ili nur malhelpas la aliajn forte antaŭenirantajn pionirojn.

MOKA vivas kaj laboras. Ni bone scias, ke nur estas farita la komenco, sed la ĝisnunaj sukcesoj donas al ni konfidon kaj esperon kaj novan laboremon.

Ni leviĝis kaj marŝas! W. S.

# Internacia revuo.

**La Protestanta Eklezia Konferenco de Stockholm.** Grava „Mondkonferenco por Praktika Kristanismo“ okazis 19—30 aŭgusto en Stockholm (Svedujo). Partoprenis aŭtoritatuloj el ĉiuj protestantaj eklezioj kaj ankaŭ el la ortodoksaj eklezioj de Grekujo, Rusujo ktp., entute el 37 landoj. La konferenco estis unua sukceso de tiuj reunuiĝaj movadoj interne de la protestantismo, kiuj jam komencis antaŭ la milito, sed nur post la milito venis en aktivan ŝtaton. Dum ĝis nun la ĉeftendenco en la „eklezioj“ naskiĝintaj en la reformacio celis al ĉiam pli granda disiĝo, al novfondo de sektoj, grupoj kaj religiaj komunumoj, oni nun klopodas ĉesigi tiun tendencon, unuigi la diversajn grupojn al pli grandaj konfederacioj, por tiamaniere krei amikajn rilatojn inter la diversaj eklezioj. Sopiro al unuigo de la kristanaro nun iras tra la protestanta mondo. Ekzemplo por tio estas en Germanujo la protestanta gazeto „Una Sancta“. Oni povas diferencigi du ĉefcentrojn en la unuiĝa movado de la protestantismo. La unua centro estas la „movado por kredo kaj konstitucio“ (faith and order), kiu ĉefe havas amikojn en la pozitive kristanaj rondoj de Anglujo kaj Ameriko. Ĝi estiĝis 1910 kiel rezulto de la Mondmisia Konferenco de Edinburgh kaj je la unua fojo publike montriĝis en internacia konferenco de Genève 1920. Kvankam ĝi ne celas direktan unuiĝon, sed nur volas prepari la vojon, akcelante la deziron al unueco kaj reciproka amo kaj estimo, tamen ĝia fina celo estas la unuigo sur komuna bazo de kredo kaj eklezia konstitucio. Dua grupo de unuiĝaj movadoj kunvenis en la Mondkonferenco por Praktika Kristanismo (Life and Work). Ĉar tiu grupo havas la konvinkon, ke unueco de la protestantaj eklezioj en problemoj de la kredo estas tute neebla, oni tute ne volas paroli pri ili, sed nur diskuti praktikajn problemojn de la sociala kaj politika vivo laŭ ĝenerale kristana vidpunkto, por apliki la kristanajn principojn en la publika vivo. Tion faris la konferenco de Stockholm, kaj je la fino ĝi resumis la rezultojn en „Alvoko al la Mondo“, kiu precipe postulas internacian pacon kaj socialan justecon. Ni publikigos koncizan resumon en la sekvonta numero de KM. Do ĝenerale la konferenco sukcesis, kaj tion devas saluti eĉ ni katolikoj, kaj ni esperas, ke la alvoko havos iom da sukceso ankaŭ en tiuj protestantaj naciaj eklezioj, kiuj ĝis nun ofte estis la ĉefa centro de naciismo kaj ŝovinismo.

**La religioj en Usono.** 47,461.558 personoj en Usono estas anoj de eklezioj aŭ religiaj societoj. Ili posedas 243.590 preĝejojn, por kiuj ekzistas 214.583 pastroj, do malpli pastroj ol preĝejoj. Pli ol 500 milionoj da dolaroj ĉiujare estas pagataj por la diversaj religioj. La plej multajn anojn havas en Usono la katolika eklezio: pli ol 18·5 milionojn. Sekvas la metodistoj kun 8·3 milionoj. Ili konsistas el diversaj grupoj: nordaj blankuloj, sudaj blankuloj, aliaj blankuloj, protestantaj metodistoj kaj ok diversaj negraj asocioj. La „nordaj blankuloj“ havas pli ol la duonon de la tuta anaro. Sekvas la baptistoj kun 8·1 milionoj konsistantaj el nordaj baptistoj, sudaj baptistoj kaj „National Convention Baptisto“. Presbiterianoj (10 sektoj) ekzistas 2·4 milionoj, luteranoj (22 diversaj direktoj) 2·5 milionoj. Eĉ pli multajn anojn havas la judoj kun 3·8 milionoj, el kiuj preskaŭ la duono loĝas en New York. La adventistoj havas 1·3 milionojn, la anoj de la „Pura Kristana Doktrino“ 1·2 milionojn, la anglikanoj 1·1 milionojn, la kongregacionalistoj 900.000, la mormonoj 600.000, la greka-ortodoksaloj 500.000, la menonitoj 100.000. Por denombri la aliajn, mankas la spaco. Entute estas konataj 92 grupoj, aŭ se oni enregistrigas diversajn „parencajn“ grupojn sub unu nomo, 26 diversaj religioj.

**Religioj en New York.** La plej multajn anojn havas la katolikoj kun 2 milionoj kaj — la judoj kun 1·6 milionoj.

**Radio kaj la nederlandaj katolikoj.** La „Nederlanda Asocio de la Romkatolikaj Radio-Unuiĝoj“ en majo eldonis en eldonejo Munsters en Amsterdam la unuan numeron de sia oficiala organo. Ĝi enhavas artikolojn de la nederlanda ĉefministro Ruys van Beerenbrouck, kiu estas katolika, kaj de la ministro por akvovojoj. La ĉefministro skribas: „Por disvastigi la veron, neniu ilo restu sen uzo!“ La dominikana pastro P. Janssens O. Pr. publikigas en ĝi interesan artikolon pri la neceseco de katolikaj radio-disaŭdigoj.

**La negroj en Usono.** Ekzistas nur 225.000 katolikajn negroj en Usono. La metodistoj havas 1,876.000, la baptistoj eĉ 3,150.000. La katolikaj negroj fondis specialan asocion, kies centrejo estas en Washington.

**Katolika radio-propagando en Kanado.** Same kiel en Usono la nombro de la sole katolikaj sendstacioj rapide kreskas. La katolika franclingva ĵurnalo „Le Droit“ (La rajto) en Ottawa posedas specialan sendstacion. Nun la benediktanaj pastroj de Sankta Petro de Münster (provinco Saskatchewan) intencas starigi stacion.

**Kanado.** La Catholic Truth Society de Ottawa aranĝis „biblian semajnon“ en la plej granda teatro de la urbo. Estas faritaj paroladoj pri la biblio el katolika vidpunkto.

**La italaj katolikoj kaj ilia universitato en Milano.** La katolika Universitato de la Sankta Koro en Milano ĵus publikigis raporton pri la tiel nomata „universitata dimanĉo“ 1924, kiun oni aranĝas ĉiujare. En 1924 la italaj katolikoj donacis por sia universitato 1.341,129.26 lirojn.

**La reunuiĝa movado en la anglikana eklezio.** Je la 18a majo en Malines aŭ Mecheln (Belgujo) okazis la tria konferenco pri reunuiĝo de la anglikanoj kun Romo. Oficialaj delegitoj de la anglikana eklezio intertraktis kun du francaj kaj du belgaj prelatoj katolikaj. Poste Kardinalo Mercier de Malines okaze de sia jubilea pilgrimado al Romo transdonis al la Sankta Patro detalan protokolon. Preĝu, fratoj en la tuta mondo, por ke tiu eklezio, kiu ankoraŭ nun en sia liturgio en la Credo konfesas: „Mi kredas je unu sankta katolika kaj apostola eklezio“ (Credo unam sanctam catholicam et apostolicam ecclesiam) revenu al la Unu Sankta Eklezio!

**La Unuiĝo de Sankta Karolo Boromeo en Germanujo,** kiu laboras por disvastigi bonajn librojn kaj ĉie fondi katolikajn popolbibliotekojn, en 1924 havis 3.868 lokajn grupojn. 280.000 libroj estas disdonitaj kiel jara premio al 190.113 membroj.

**Katolikaj lernejoj en Belgujo.** Laŭ nova statistiko la ŝtataj lernejoj havas entute 175.000 lernantojn, la katolikaj lernejoj 290.000. En la jaro 1912 la ŝtataj lernejoj estis vizitataj de 200.000, la katolikaj de 260.000. Ĉe la pli altaj (duagradaj) lernejoj la nombroj estas eĉ pli favoraj. La ŝtataj liceoj ktp. havas 10.000, sed la katolikaj institutoj 30.000 lernantojn.

**Nederlando.** En la lando loĝas 2,250.000 katolikoj. Ili havas nun 1.184 parohojn kun 2.736 pastroj. En la jaro 1910 ekzistis 1.014 parohoj kun 2.310 pastroj. Bonege funkcias la katolika gazetaro. La katolikoj posedas 33 ĉiutagajn ĵurnalojn, 82 ĉiusemajnajn gazetojn, 104 revuojn kaj 22 aliajn regulajn publikigaĵojn. La asocio de kristanaj laboristoj havas 200.000 membrojn, la kristanaj kamparanaj unuiĝoj 100.000 anojn. Ekzistas 41 katolikaj seminarioj kun 4.793 lernantoj, 42 konviktoj kun 1.078, 703 gardolernejoj por malgrandaj infanoj kun 71.889, 1.597 unuagradaj lernejoj kun 293.509, 33 duagradaj lernejoj (inter ili 20 katolikaj gimnazioj) kun 8.121 lernantoj.

**En Ĉeĥoslovakujo** el la 294 parlamentanoj apartenas 21 deputitoj al la Ĉeĥoslovaka Popola Partio de la ĉeĥaj katolikoj, 11 deputitoj al la Slovaka Popola Partio de la slovakaj katolikoj, 9 al la Kristana Sociala Partio de la germanaj katolikoj.

**La protekto de katolikaj elmigrantoj en Germanujo.** Por la katolikaj elmigrantoj zorgas la „Raphaelsverein“ (Unuiĝo de Sankta Rafaelo). Ĝia graveco evidentiĝas el la fakto, ke la transmara elmigrado el Germanujo en 1924 nombris 58.837 personojn. La unuiĝo nun havas 60 konsilejojn disvastigitajn tra la tuta lando. En 1924 ĝi donis konsilojn en 16.766 kazoj (10.181 buŝajn kaj 6.585 skribajn). Ankaŭ ĝi aranĝis multajn paroladojn en grandaj urboj. La religia zorgo ankaŭ bone funkcias. En la Preĝejo de Sankta Rafaelo en Bremen okazis 79 specialaj diservoj por 3.395 elmigrantoj; oni kalkulis 2.896 sanktajn komuniojn. En Hamburg okazis 221 specialaj diservoj por 7.353 elmigrantoj; 1.249 komunioj. La unuiĝo transdonas tuj ŝipon, nomon kaj estontan hejmurbon de ĉiu katolika elmigranto al sia New York-a oficejo, kiu tiam tuj informas la koncernan pastron en la urbo, kie unue ekloĝas la novulo.

**Meksikujo.** La tiel nomata „patriarko“ Joaquim Perez de la „Meksika Katolika Apostola Eklezio“ kune kun la „Kavaliroj de Guadelupe“ perforte okupis la katolikan Preĝejon de Solidad en urbo Mejico (Meksiko) kaj multajn preĝejojn en aliaj urbo, forpelis la katolikajn pastrojn kaj konfiskis la katolikan preĝejan propraĵon.

**Imitinda ekzemplo.** En Hispanujo la katolikaj virinunuiĝoj sekvante la vortojn de la papo, ke la gazetaro estas unu el la plej gravaj faktoroj de nia epoko, sukcese organizis grandiozan varbadon de novaj abonantoj por katolikaj ĵurnaloj kaj revuoj.

**Forigo de impostoj por donacoj al la Eklezio en Italujo.** Komence de aprilo la itala ministraro decidis, ke ĉiuj donacoj heredigoj favore al bonfaraj kaj instruaj institutoj estu liberigataj de ĉiuj impostoj. Tiu ĉi decido estas tre grava por la katolikaj preĝejoj kaj karitaj institucioj ligataj kun ili.

**Protestanta agado en Japanujo.** La protestanta Japana Societo por Libroj kaj Traktatoj, kiu fondiĝis 1898 per kuniĝo de la Usona Traktatsocieto (1874) kaj la Brita Religia Traktatsocieto (1875) jam ĝis 1914 elspezis 290.000 jenojn (1 Yen = 2·50 sv. fr.) por siaj celoj. Ĉefa tasko de la societo estas disvastigi grandajn amasojn da broŝuroj kaj aktualaj religiaj traktatoj; la katolika eklezio estas kontraŭbatalata. La Amerika Biblia Societo laboras en la norda parto de Japanujo el sia sidejo en Hokio; la Brita Biblia Societo havas sian centrejon en Kobe kaj disvastigas la biblion en la sudo. Depost 1900 ankaŭ ekzistas Kristana Literatura Societo, organizaĵo de preskaŭ ĉiuj protestantaj sektoj, kiu eldonas aŭ helpas eldoni pli grandajn verkojn. Eĉ la anglikanoj havas propran eldonejon. La Savarmeo eldonas simplajn aktualajn folietojn. 1902 la nomita societo presigis 11,288.000 libropaĝojn en valoro de 20.000 jenoj, 1908 63,602.970 libropaĝojn en valoro de 209.500 jenoj.

**Usono.** Episkopo Muldvon de Rockenfield kiel „kaplano“ de la Kolumbo-Kavaliroj en Chicago fondis grupon da Kavaliroj por adoptigi katolikajn infanojn en katolikaj familioj. En 10 jaroj tiu societo adoptigis preskaŭ 1.100 infanojn. La tutaj kostoj por infanoj adoptogepatroj ktp. estas pagataj de 80.000 Kolumbo-Kavaliroj de la Ŝtata Illinois.

**La „Viva Eklezio“ en Rusujo mortas.** El Rusujo nun venas informoj, ke la tiel nomata „Viva Eklezio“, kiu dum du jaroj faris multe da bruo en la sovetaj landoj, rapide proksimiĝas al dissolviĝo. La iama metodista predikisto el New York John Hecker, kiu en tiu „Viva Eklezio“ havis altan aŭtoritatan postenon, mem komencis la dissolviĝon. Antaŭ du jaroj la „Viva Eklezio“ estis fondita per la sovetoj. Komunistaj popoj (pastroj) kune kun John Hecker organizis ĝin. Oni tiam esperis, ke ĝi disigos la rusortodoksan eklezion. John Hecker gajnis la amerikajn metodistajn episkopojn Edgar Blake kaj John Neulsohn, ke ili vizitis Sovetlandon, esperante, ke la metodista eklezio de Usono helpe de la „Viva Eklezio“ povos disvastigi siajn religiajn ideojn en la rusaj landoj. Okaze de sia vojaĝado en Rusujo episkopo Blake donacis al la „Viva Eklezio“ 40.000 dolarojn. Sed kiam elĉerpiĝis la mono, ankaŭ la sukcesoj de la „Viva Eklezio“ ĉesis. Unu preĝejo post la alia devis esti fermata pro manko de anoj. En kelkaj lokoj la kreduloj eĉ atakis kaj batis la komunistajn popojn.

**Eksedziĝoj malpermesataj en Irlando.** Laŭ iniciato de prezidanto Cosgrave la irlanda parlamento per granda plimulto da voĉoj decidis definitivan forigon de eksedziĝa permeso el la leĝoj de la irlanda ŝtato.

ne nur rajtojn, sed ankaŭ devojn. Sed idolana kaj kontraŭ la kristana doktrino estas la naciismo, kiu predikas la ĉiopovon de la ŝtato.

2. Profesoro Ebers de la Universitato de Köln (Germanujo) parolis ĉefe pri la problemo de la naciaj malplimultoj. Do kontraŭe al la referato de prof. Ryan, kiu estis nur teoria lia raporto tuŝis la plej malfacilajn praktikajn problemojn de nia tempo. Prof. Ebers montris la grandajn mankojn de la nuna protekto de naciaj malplimultoj, kiu estas tasko de la Ligo de Nacioj. La malplimultoj mem ja eĉ ne havas rajton plendi ĉe la Ligo de Nacioj, sed tion rajtas nur iu ekstera ŝtato. La problemo de la protekto de la malplimultoj estas unu el la plej gravaj kaj plej urĝaj de nia tempo, ĉar ĝi koncernas ne nur kelkajn milojn da homoj, sed 30 milionojn da eŭropanoj.

3. D-ro Mack, direktoro de la episkopa konvikto en Luxembourg, parolis en entuziasma referato pri la temo: Individuo kaj socio kaj iliaj rilatoj al naciismo kaj internaciismo. Kredo kaj politiko ne estas sendependaj unu de la alia, sed la kredo kaj la leĝoj de kristanismo devas ankaŭ esti aplikataj en la internaciaj kaj interŝtataj rilatoj. La ordono de kristana amo ankaŭ valoras por la ŝtatoj kaj nacioj. Amo kaj paco estas fratinoj. La naciismo estas la plej granda herezo de nia tempo, kiel diris la mortinta episkopo Korum de Trier. Ni estas naciaj, sed ne naciistaj, same kiel ni estas modernaj, sed ne modernistaj, socialaj, sed ne socialistaj.

4. Pri la juda problemo estis akceptinta referaton la episkopa amiko kaj kunlaboranto de IKA M-ro D-ro Fischer-Colbrie, episkopo de Košice. Sed kelkajn monatojn antaŭ la kongreso la morto rabis al ni tiun noblaniman kaj entuziasman kunbatalanton. Lian referaton laŭtlegis M-ro D-ro Pfeiffer. La raporto donis objektivan historian evoluon de la problemo. Ĝi montris la sintenadon de la eklezio al la judoj kaj montris, ke neniam la eklezio iniciatis aŭ aprobis persekutojn kontraŭ la judoj, sed ke tiaj persekutoj ĉiam venis el la grandaj amasoj de la popolo kiel revolucio kontraŭ la financa potenco de la judoj.

Fine la referato de M-ro Fischer-Colbrie montris kiamaniere katolika ŝtato, t. e. ŝtato, kie popolo kaj registaro povas libere apliki la katolikajn principojn en la publika vivo, devus konduti al la judoj laŭ la religia, ekonomia kaj nacia vidpunktoj. Laŭ la religia vidpunkto la judoj devas havi plenan liberecon de religio kaj kulto. Kiam ili per lernejoj aŭ la gazetaro aŭ alimaniere klopodas senkristanigi la popolon, kompreneble kontraŭ-rimedoj povas esti uzataj. Laŭ la ekonomia vidpunkto valoras la leĝoj de natura justeco, ke la ŝtato devas zorgi por la komuna bonfarto kaj por la prosperado de la tuta nacio. Kiam do kristana plimulto estas ekonomie ekspluatata de juda malplimulto, la ŝtato rajtas kaj devas protekti la popolon kontraŭ tio per specialaj leĝoj. Laŭ la nacia vidpunkto estas nejuste, ke nacia plimulto estas regata de malgranda malplimulto eble finance tre forta, ĉu tiu malplimulto estas juda ĉu ne.

En la kunveno prezidis R. P. Day S. J., unu el la ĉefaj gvidantoj de la „Guild of Israel“, kiu laboras por la konvertado de la judoj. Li donis interesan raporton pri la problemo de la konvertado. R. P. D-ro Bolten el Köln faris praktikajn proponojn pri tiu aktuala problemo, kaj Mr. H. Angress, konvertita judo, montris ĝian psikologian flankon.

5. Profesoro O'Sullivan de la katolika universitato de Dublin (Irlando) faris referaton pri la rajto de la nacioj je memdestino. Nacio ne ĉiam estas ŝtato. Nacio estas kultura koncepto, ŝtato estas politikaleĝa koncepto. Nacio estas la ido de historio, tradicio kaj kutimo kaj de tiu mistera elemento, kiu nin devigas ami nian landon kiel nian patrinon. Do nacio ne ĉiam havas propran ŝtaton kiel eksteran formon, kaj la demando, ĉu nacio devas fariĝi ŝtato, ne povas esti absolute solvata, kvankam en la nunaj rilatoj jena respondo havus multe da simpatioj. Nek patriotismo nek memdestino estas sendependaj principoj, sed ili estas gravaj fazoj en la evoluo de la moderna eŭropa civilizacio. Por eviti kaj venki la ekstremajn nekristanajn formojn de la naciismo, estas alcelinda federativa internaciismo, kiu lasus sufiĉe da libereco al la sana ambicio kaj nacia sento de ĉiu nacio. Ni katolikoj havas depost du mil jaroj supernacian unuecon en nia eklezio. Ĉu vi ne ankaŭ devus klopodi krei internacian politikan unuecon, ne forigante la ŝtatojn, sed unuigante ilin al paca kunlaborado?

6. D-ro Doka, redaktoro de „Schweizerische Rundschau“ (Svisa Revuo) en Zürich, parolis pri la problemo de raso kaj nacio en ŝtato enhavanta kelkajn lingvojn aŭ naciojn. La kaŭzoj por la fondo de ŝtatoj estis diversaj: Nacio en la senco de komuna raso kaj lingvo ja estis nur unu el la faktoroj. Sed ofte aliaj kaŭzoj, ekzemple la geografia situacio, ludis grandan rolon. Do ekzistas multaj ŝtatoj, kiuj enhavas du aŭ pli naciojn, kaj ofte unu el ili estas malplimulto, kaj tre ofte tiu malplimulto estas plimulto en alia proksima ŝtato. Tio ĉiam povas fariĝi grava danĝero, por la interna kaj internacia paco. Laŭ D-ro Doka Svisujo feliĉe solvis la problemon. La ĉefprincipo de la svisa konstitucio estas: Antaŭ la leĝo ĉiuj svisoj estas egalrajtaj: Ĉiuj tri lingvoj havas saman oficialan rekonon ktp. La naciaj malplimultoj en ĉiuj miksrasaj landoj devus havi similajn rajtojn: Libera uzado de la nacia lingvo, libera evoluo de la propra tradicia kulturo, kaj laŭeble ankaŭ administra libereco.

7. Prof. Louis Le Fur de la Universitato de Rennes (Francujo) bedaŭrinde estis malhelpata pro malsano, veni al la kongreso. Do Madame de Noaillatt laŭtlegis lian referaton pri la kristana doktrino pri nacia ribelo aŭ milito. Nacio estas morala unuo karakterizata per la volo vivi kune. Ŝtato estas la rekonata politika aŭtoritato. Kia estas la kristana doktrino, se tiuj du konceptoj interpuŝiĝas? Ekzistas du ekstremaj respondoj al tiu demando, kiuj ambaŭ ne estas kristanaj. Nek nelimigita anarkia libereco nek despota suvereneco estas laŭ la kristana doktrino, kiu rekonas liberecon kaj aŭtoritaton, sed postulas harmonian sintezon el ambaŭ. Pri la apliko de perforto la referato ŝajnis ne sufiĉe klara, almenaŭ ne tiel klara kiel la parolado de R. P. Stratmann O. P. en Lugano.

8. Prof. Sherwood el Oxford parolis pri interveno de fremdaj ŝtatoj por subteni aŭ subpremi nacian ribelon. Unue li konstatis, ke ĝis nun la historio de la intervenoj montris preskaŭ nur malsukcesojn. Kondiĉoj por interveno estas, ke ĝi okazas pro justa kaŭzo kaj ke ĝi neniam estu aplikata en duba kazo. Fine prof. Sherwood pledis por la Ligo de Nacioj, kies klopodoj por pli ampleksa kaj ekzakta reguligo de oficiala interveno devus esti subtenataj de la katolikoj ĉiulandaj.

## La fakaj konferencoj.

Konferenco de la internacia Societo por la Socia Regno de Jesuo-Kristo.

Ĝi okazis sub prezido de R. P. O'Hea S. J. Comm. Georges de Noaillat, prezidanto de la societo kaj kunprezidanto de IKA, raportis pri la historio de tiu admirinda movado, kiu estiĝis antaŭ 50 jaroj, por rekrei kaj renovigi la homan socion, propagandante la ideon „Kristo estas la reĝo de la homa socio“. La movado sendis peton al la Sankta Patro, ke li proklamu solene la suverenajn rajtojn de Kristo kiel reĝo de la homa socio, enkondukante liturgian feston en la tuta eklezio: la festo de la universala regno de Kristo. Tiun peton jam subtenis 600 kardinaloj, ĉefepiskopoj kaj episkopoj ĉiulandaj. La konferenco en Oxford ricevis belan leteron de Kardinalo Laurenti el Romo, kiu rekomendas kaj benas la klopodojn de la movado. Al la Sankta Patro oni sendis pere de Kardinalo Bourne specialan leteron, esprimante la plenan sindonon al la Sankta Seĝo kaj la peton, ke la klopodoj por enkonduko de la nova festo trovu favoron.

Konferenco de la virinoj.

Sub prezido de grafino Walterskirchen (Wien), Madame de Noaillat (Franzujo) kaj Miss Balfe (Anglujo) kunvenis la virinoj, ĉefe por diskuti la problemon de la edukado de knabinoj. La ĉefparoladon faris grafino Walterskirchen, precipe ankaŭ tuŝante la delikatan problemon de seksa edukado. M-me de Noaillat parolis pri la socia reĝeco de Kristo, kaj f-ino Regnier, direktorino de la Katolika Sociala Lernejo en Berlin, faris interesan paroladon pri la evoluo de la individuo. Fine Miss Hackett kaj Mrs. Barton French, ambaŭ el Usono, raportis pri la agado de la Virina Sekcio en la National Catholic Welfare Conference.

Konferenco de la Junularo.

Speciala raporto aperas sub „Junula Angulo“.

Konferenco por lernejaj demandoj.

Ĝi estis unu el la plej gravaj. Prezidis abato Verpoorten, direktoro de la Centra Oficejo por Katolika Edukado en Bruxelles (Belgujo), kaj R. P. Schröteler S. J., direktoro de la Germana Katolika Lerneja Organizaĵo, Düsseldorf. Oni aŭdis interesajn raportojn pri la katolikaj lernejoj en la tuta mondo, pri la mizero de la lernejoj de katolikaj naciaj malplimultoj, ekz. en Rumanujo kaj Ĉeĥoslovakujo. Okazis vigla diskutado. Oni precipe parolis pri la plua evoluado de la internacia katolika lerneja organizaĵo kaj decidis aranĝi baldaŭ preparan konferencon en Düsseldorf kaj ĉefkonferencon en Bruxelles.

Konferenco de la komercistoj.

Ĝi okazis sub prezido de Edward Eyre K. C. S. G. (Anglujo) kaj J. N. Molkenhauer (Germanujo). Ĉeestis katolikaj komercistoj kaj oficialaj delegitoj de katolikaj komercistaj organizaĵoj el multaj landoj, eĉ el Aŭstralio, Egipto kaj Usono. La konferenco havis bonajn praktikajn resultojn por la internacia kunlaborado de katolikaj komercistaj organizaĵoj.

Konferenco de la ĵurnalistoj.

La gazetara konferenco okazis sub prezido de Mr. A. Hilliard Atteridge (Anglujo) kaj R. P. Brown (Usono). Oni diskutis pri la problemo de internacia katolika informservo kaj pri la ebleco de pli intimaj interrilatoj inter katolikaj ĵurnalistoj ĉiulandaj. Oni konstatis, ke la gazetaro estas unu el la plej potencaj faktoroj en la mondo, ke ĝi havas grandegan influon al la publika opinio, ĉu en bona, ĉu en malbona senco. Precipe pri eksterlandaj aferoj ni nur malofte havas laŭverajn informojn en niaj ĵurnaloj, eĉ en katolikaj. Oni aŭdis malgrandajn raportojn pri la Katolika Internacia Gazetara Agentejo (KIPA) en Fribourg (Svisujo) kaj pri la admirinda oficejo „Ora et Labora“ en Sevilla (Hispanujo) gvidata de la kunprezidanto de IKA M-ro D-ro Ildefonso Montero Diaz, kiu ĵus antaŭ la kongreso ricevis la titolon de kanoniko kaj tial bedaŭrinde ne povis veni al nia kongreso.

Esperanto-konferenco.

Ĝin prezidis advokato D-ro Hinsenkamp el Essen (Germanujo) kaj ĉefsekretario Kaspar Mayr, London. Okazis vigla diskutado, kiun partoprenis diversaj gvidantoj de IKA kaj MOKA. Oni decidis pliivigligi la agadon de la Esperanto-sekcio de IKA. „Katolika Mondo“ devas esti plibonigata kaj pligrandigata. La administracion akceptis kaplano Wachowsky kun sia IKA-grupo en Elberfeld. Por la redaktado oni formos komitaton. En la venonta jaro la krizoj de la ŝanĝa tempo, kiuj en ĉi tiu jaro ankoraŭ iom malhelpis nin, estos forigitaj, kaj tiam KM certe prosperos, kaj eĉ pligrandiĝas, se niaj amikoj ĉiulandaj helpas nin. Oni ankaŭ parolis pri niaj rilatoj al IKUE. Plena unuiĝo de la katolika Esperanto-movado, kiun IKA proponis, bedaŭrinde ne povas efektiviĝi pro malkonsento de IKUE. Tamen por ĉesigi la nunan preskaŭ malamikan disiĝon kaj por fari la unuan paŝon al pli intima kunlaborado, la konferenco decidis, aliĝi al IKUE kiel internacia membro kaj delegi D-ron Hinsenkamp kiel nian reprezentanton en IKUE.

## La nova Internacio.

Samtempe kun la IKA-kongreso okazis en Oxford konferencoj pri unuiĝo de ĉiuj grandaj katolikoj asocioj, precipe de la naciaj katolikaj centraj organizaĵoj, al unu granda internacia konfederacio. Ĉi tiun konferencon preparis la angla Katolika Komitato por Internaciaj Rilatoj (Catholic Council for International Relations), ĝin invitis IKA, la Internacia Oficejo de Katolikaj Organizaĵoj en Romo kaj la „Union Catho-

lique d'Etudes Internationales" („Katolika Unuiĝo por Internaciaj Studoj), kies centrejo estas en Fribourg (Svisujo). Dum ke IKA ĉefe laboras per praktika agado, tiuj du aliaj internaciaj katolikaj institucioj ĉefe laboras teorie. La Centra Oficejo en Romo, kiun fondis la agado de D-ro Steger, estas gvidata de D-ro Monti, kaj ĝia ĉefa merito estas la eldono de la bonega Internacia Almanako de Katolikaj Organizaĵoj. La Union d'Etudes estas internacia societo de katolikaj sciencistoj, kiu studas internaciajn problemojn, precipe tiujn, kiuj rilatas al la Ligo de Nacioj.

En la konferenco ĉeestis oficialaj delegitoj de katolikaj organizaĵoj el 27 landoj. Prezidanto estas elektita R. P. Martindale S. J. el Oxford.

La konferenco decidis unuvoĉe, krei internacian konfederacion de la grandaj katolikaj organizaĵoj, kiu havas la latinan nomon „Confoederatio Catholica Internationalis". En ĉiuj landoj, kie tiaj ankoraŭ ne ekzistas, estu fondataj naciaj grupoj aŭ komitatoj por internacia kunlaborado.

En multaj kunvenoj oni diskutis pri la statutoj de la nova konfederacio. Oni elektis provizoran preparan komitaton kaj destinis kiel provizoran centran oficejon la oficejon de D-ro Monti en Romo.

IKA deklaris, ke ĝi akceptas la provizorajn statutojn kreitajn en Oxford kiel bazon por la evoluo de la internacia katolika agado. Ĝi per ĉiuj fortoj kunlaboros por realigi la grandan taskon. Por pli intima kunlaborado ĝi translokigos sian Centran Oficejon al Romo, kie M-ro D-ro Pfeiffer laboros kiel ĉefsekretario de IKA.

Al la Sankta Patro la konferenco sendis jenan telegramon:

Delegitoj el 27 nacioj, kunvenintaj en Oxford por kunlabori je la rekonstruo de la paco de Kristo en la regno de Kristo per internacia kunlaborado de la katolikaj organizaĵoj, petas Vian Papan Moŝton akcepti la esprimon de nia plena obeemo kaj infana sindonemo kaj doni la apostolan benon.

La nova internacio de la katolikaj organizaĵoj ankoraŭ ne estas plene realiĝinta. Provizore ekzistas nur la statutoj. Nun estas la tasko de la organizaĵoj, laŭ la raportoj de iliaj delegitoj en Oxford ekzameni la statutojn kaj decidi pri ili. Kiam ĉiuj estos akzeptintaj la projekton, la granda internacio de la katolikaj organizaĵoj ekzistos.

— — — — — — — — — — — —

La kongreso de Oxford pasis. Ĝi estis nova paŝo de nia movado antaŭen. Precipe la konferenco por unuiĝo de ĉiuj katolikaj fortoj en unu granda centra organizaĵo sendube estis unu el la plej grandaj okazintaĵoj en la tuta internacia katolika movado. IKA per ĉiuj fortaj kunlaboros, por atingi tiun belegan celon, kiu realigos unu el la idealoj de la tuta IKA-movado. Sed tiu ekstera unuiĝo de la organizaĵoj ne sufiĉas. Ĉar multaj el ili havas tiom da naciaj aŭ eĉ politikaj konektoj, ke internacia kunlaborado trovos multege da baroj kaj malhelpoj. Por havi vere vivantan katolikan internacion, la ideoj pri internacia kunlaborado kaj pri kristana paco devas fortike enradikiĝi en la tuta katolikaro, en la katolika popolo. Krei tiun senton de internacia katolika solidareco kaj frateco, estos estonte ĉefa tasko de IKA. Do la programo de nia VIa kongreso, kiu okazos en 1926 en Paray-le-Monial (Francujo), estos: Kristo la reĝo de la homa socio; paco inter klasoj kaj nacioj. Antaŭen, fratoj el ĉiuj landoj kaj nacioj, al nova laboro! La programo de la papo estas la programo de IKA:

Pax Christi in Regno Christi!

## Recenzejo.

**Un grande problema Cattolica**, eld. Prof. Pizzi, Venezia, Campiello Fenice 1926; 1 l.

Ĉi tiu plej valora libreto itala plej sukcese defendas E-on kaj montras ĝian necesecon por la katolika eklezio, resumante la multajn aprobojn de E-o. per altrangaj eklezjaj princoj. Similaj propagandiloj devus eliri en ĉiuj naciaj lingvoj.

**Atta Troll**, somernokta sonĝo de Heinrich Heine; trad. Zanoni, Ellersiek & Borel, Berlin, Wilmstraße 5; prez. 1.50 R. M.

Se ni recenzas tiun poemon de Heine, ni ne bezonas mencii, ke multaj verkoj de H. Heine, ne estas rekomendindaj por katolikaj legantoj pro la enhavo. La traduko de tiu bela libro estas tamen tre feliĉa, la eksteraĵo kaj papero bonaj.

**La Reaperintaj**, dramo de H. Ibsen, trad. Oscar Bünemann, sama eldonejo, prezo 0.80 R. M.

La supredirita rimarko parte valoras por verkoj de Ibsen; tamen ni estas feliĉaj trovi tiun impresigan dramon en la „Esperanta biblioteko internacia".

**Bulletin Catholique International**, adminstr. M. Ch. Gravey, 30 rue des Gréneaux, Triel-sur-Seine, France.

Plej valora internacia bulteno, eldonata de meritplenaj pioniroj de la internacia Kunagado en Francio, ekz. R. P. Donceur, Ch. Flory, Em. Gorrnot, Maurice Vaussard, kiu estas ĉefredaktoro. Ni plej multe rekomendas tiun ĉi monatan revuon al ĉiuj katolikoj, kiuj komprenas la francan lingvon.

# ★ Tra la Esperanta Mondo. ★

(Sub ĉi tiu rubriko ni publikigas gravajn sciigojn! Kunlaboru!)

**La XVII a Universala Kongreso de Esperanto** okazis kun bona sukceso en Genève. Oficialajn delegitojn sendis la registaroj de Aŭstrujo, Germanujo, Hispanujo, Nederlando, Polujo, Rumanujo. kaj diversaj internaciaj institucioj, ekz. Ligo de Nacioj, Internacia Ruĝa Kruco, Internacia Labora Oficejo. Oni elektis prezidanto D-ron Edmond Privat. Okazis katolika diservo kun prediko de nia amiko Prof. Modesto Carolfi O. F. M. Novaĵo estis en ĉi tiu jaro la Someruniversitato, kiu belege sukcesis.

**La Universalaj Kongresoj de Esperanto** okazos 1926 en Edinburgh (Skotujo), 1927 en Danzig, 1928 en Antwerpen, 1929 en Bucureŝti.

**La oficiala delegito de la svisa registaro** en la Ĝeneva kongreso deklaris en la nomo de la kantona registaro de Genève, ke gi estas preta klopodi ĉe la federacia registaro pri la kunvoko de interŝtata konferenco por studi la demandon de enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

**La X-a Katolika Esperanto-Kongreso** arangita de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (IKUE) okazis de la 13-a ĝis la 16-a de aŭgusto en Paris. Partoprenis katolikaj Esperantistoj el 6 landoj. En la diservoj predikis paroĥestro Duvaux (Francujo), pastro Font-Girait (Hispanujo) kaj pastro Bamboux (Francujo). Du kardinaloj kaj 12 episkopoj estis akceptintaj patronecon. En la ĉefkunsidoj oni aŭdis interesajn raportojn pri la katolika gazetaro en 12 landoj. La Sankta Patro sendigis pere de Kardinalo Dubois de Paris jenan telegramon: „Sankta Patro akceptante oferprezenton pri fila amo de la katolikaj Esperantistoj kunvenintaj en Paris por sia Deka Internacia Kongreso tutkore sendas al ili pere de vi la petitan apostolan benon. Kard. Gasparri." Kun ĝojo oni ankaŭ akceptis salut telegramon de la IKA-prezidantaro el Oxford.

**La aŭstra Esperanto-Kongreso** sukcese okazis en Salzburg. En katolika diservo predikis pastro Prof. d-ro Christanell.

**Radio kaj Esperanto.** Nun regule disaŭdigas kursojn aŭ paroladojn la stacioj de Wien (Aŭstrujo), Köbenhaven (Danujo), Paris, Supera Poŝta kaj Telegrafa Lernejo, Radio-Paris, Lyon (Francujo), Königswusterhausen, Hamburg, Breslau, Münster, München, Frankfurt, Berlin (Germanujo), Barcelona (Hispanujo), Roma (Italujo), Moskva (Rusujo).

**Sporto kaj Esperanto.** Grandan „sukceson" Esperanto havis en sportaj rondoj. En Ploeŝti (Rumanujo) okazis piedpilkludo (football) inter la Esperantistaj sportkluboj de Rusĉuk (Bulgarujo) kaj Bucureŝti (Rumanujo). Rezulto: 1:1.

**Unua Sudamerika Esperanto-Kongreso** okazos en la unuaj monatoj de 1926 en Montevideo (Urugvajo).

**Esperanto kiel telegrafa lingvo.** Ĝis nun Esperanto estas deklarita kiel „klara" telegrafa lingvo (laŭ ordinara tarifo) en Albanujo, Belgujo, Brazilio, Britujo, Egipto, Estonujo, Francujo, Hispanujo, Hungarujo, Nederlando, Rumanujo kaj Svisujo. Ĉe la venonta konferenco de la Tutmonda Telegrafa Unio, Ĉeĥoslovakujo volas fari la proponon, ke Esperanto estu rekonata kiel „klara" lingvo en la internaciaj telegrafaj rilatoj. La franca registaro jam ĉe la Parizaj konferencoj deklaris, ke ĝi subtenos tian proponon.

**Vortoj de nia pioniro prof. Carolfi:** „Katolika religio kaj Esperanto estas nedisigeblaj fratoj kaj amikoj. Ambaŭ akcelas la mondpacon. Se la Sankta Francisko estus koninta Esperanton, li certe estus estinta ĝia plej fervora propagandisto kaj estus skribinta ĉiujn siajn verkojn en Esperanto." (El lia prediko en Genève.) Pri la latina lingvo li diris ĉe alia okazo: „La latinan lingvon oni povas kompari kun maljunulo, Esperanton kun junulo. La maljunuloj devas ripozi, la junularo devas labori. Do ripozu la latina lingvo, kaj vivu Esperanto!"

## Naciaj abonejoj de K. M.

### Abonejoj.

**Anglio:** Mr. J. E. Hookham, 45 Holmesdale Road, Hampton Wick, Middlesex.

**Aŭstralio:** F^ino Maud Helm, 22 Falconer str., Fitzroy, Melbourne.

**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; alpetu poŝtpagilojn ĉe F^ino Cyr. Kuta, Wien, I., Schwertgasse 3, II.

**Belgio:** F^ino J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers.

**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** S^ro Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro.

**Ĉeĥoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per S^ro Fr. Buhr, Praha-Brevnov 257.

**Francio:** S^ro Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).

**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 30.578, Breslaŭ (Kaspar Mayr, Züg).

**Hispanio:** Prof. Mariano Mojado, Abascal 13, Pral A, Madrid.

**Hungario:** F^ino Heleno Fiedler, Pecs, Fabriko Zsolnay.

**Italio:** Prof. Modesto Carolfi, Cortemaggiore, Piacenza.

**Jugoslavio:** P^ro Ambr. Benkovič, Zagreb, poŝtfako 109.

**Litovujo:** S^ro Mačernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas.

**Nederlando:** per nia poŝtĉeko No 2121, K. Mayr, Ika, Hoofddorp, Haarlemmermeer.

**Polio:** P^ro Jak. Makara, Rzeszow, Matopolska, poŝtĉeko: Warczawa 190.809, K. Mayr, „Ika", Zoug.

**Rumanio:** Tria ordeno de Sankta Francisko, Cluj, Str. Consiliului 5.

**Usono:** S^ro F. J. Kovarik, 2502 SO., Kedzie Av. Chicago, Ill.

**Schweiklberger Geist**

estas bonega, rapidefika, nervofortiga naturkuracilo, familia rimedo, preparita de benediktanaj misiistoj. Elprovita precipe ĉe ĉiaj statoj de senfortiĝo, naŭzo, kormalforteco, stomakdoloroj, malbona digesto, mallakso, kapdoloroj, koliko, gripo. Kelkaj gutoj prenitaj sur sukero tuj efikas. Krome uzu ĝin ekstere ĉe doloroj en vizaĝo, reŭmatismo, malvarmumo, artrito, dentodoloroj. Iomete frotu per ĝi kaj vi pliboniĝos. — Aprobaj atestoj venis sennombre de kuracistoj kaj uzintoj. — Prezo: 1 provo-kesto kun 10 boteloj kostas 10 Markojn, por abonantoj de Kat. Mondo afrankite. — Mendu tuj rekte ĉe

**Missionskloster Schweiklberg**
**(Misia Monaĥejo)**
**apud Vilshofen a. Donau**
**Niederbayern.**

## La abonprezoj por la jaro 1925.

| Lando | Jarabono kun R. K. | Ika-kotizo sen K. M. | Ika-kotizo kun K. M. |
|---|---|---|---|
| Anglio . . . . . / Aŭstralio . . . . | 2,50 ŝl. | 2 ŝl. | 3 ŝl. |
| Argentino . . . . | 2 pes. or. | 2 pes. or. | 3 pes. or. |
| Aŭstrio . . . . . . | 3,5 ŝl. | 2,5 ŝl. | 5 ŝl. |
| Belgio . . . . . . / Luksemburgo . | 12 b. fr. | 6 b. fr. | 15 b. fr. |
| Brazilio . . . . . | 3 mr. | 2 mr. | 4 mr. |
| Ĉeĥoslovakio . | 16 č. kr. | 10 č. kr. | 20 č. kr. |
| Danio . . . . . . | 3 kr. | 2 kr. | 4 kr. |
| Francio . . . . . | 10 fr. fr. | 6 fr. fr. | 15 fr. fr. |
| Germanio . . . . | 2,40 o. m. | 2 o. m. | 3 o. m. |
| Hispanio . . . . | 3 pes. | 3 pes. | 5 pes. |
| Hungario . . . . | 3,00 o. kr. | 2 o. kr. | 4 o. kr. |
| Italio . . . . . . . | 12 l. | 5 l. | 15 l. |
| Jugoslavio . . . | 35 din. | 20 din. | 50 din. |
| Litovio . . . . . . | 6 lid. | 4 lid. | 8 lid. |
| Nederlando . . . | 1,50 fl. | 1,50 fl. | 2 fl. |
| Polio . . . . . . . | 3 zl. | 2 zl. | 4 zl. |
| Rumanio . . . . | 80 lev. | 30 lev. | 100 lev. |
| Svisio . . . . . . | 3 fr. | 2 fr. | 4 fr. |
| Usono . . . . . . | --,75 d. | —,50 d. | 1 d. |

Rimarko: Nia ekspedicio en Vieno F^ino Cyr. Kuta, Wien, I., Schwertgasse 3, II havas enpagilojn por ĉiuj landoj kaj akceptas monsendojn, precipe el la orienteŭropaj ŝtatoj.

Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Zug, Svisio. — Responda Redaktoro: D-ro Hloucha, Wien, XVIII., Semperstr. 36. — Presejo: Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.

